5a Jaro 1907-08 — N° 45 — FEBRUARO

# Espero Katolika

*REVUO MONATA EN ESPERANTO*

(Honorata per Apostola Beno de Pio X-a, 27-an de Junio 1906)

**RELIGIO. — FILOZOFIO. — HISTORIO. — SOCIOLOGIO**
**LITERATURO. — ARTO**
**REVUO DE REVUOJ. — BIBLIOGRAFIO. —'SAKOJ**

« Unum ovile et unus pastor.»(Joh. X, 16,)«Unu ŝafaro kaj unu paŝtanto.»

## ARTIKOLARO



## REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO

'Ce la Direktoro : **P-o Em. PELTIER**
**Sainte-Radegonde** (Indre-et-Loire) **France**

*Manuskriptoj neniam estos resendataj.*

**Por la** FRANCAJ **poŝtmandatoj la Poŝtoficejo estas** SAINTE-RADEGONDE **; por la** NEFRANCAJ **la poŝtoficejo estas** TOURS.

'Ciuj verkistoj estas persone respondaj pri siaj artikoloj. La Revuo estas responda nur pri artikoloj subskribitaj de la Direktoro. — E. K. estas malfermata por ĉiuj personoj kaj por ĉiuj demandoj (escepte la politikaj).

## KONDIĈOJ DE ABONO

*Abono jara* 5 fr. (2 Sm.). — En Francl. 4 fr. (1 Sm. 60).
*Unu numero* : 0 fr. 50, afrankite, (20 Sd.)

Abonoj estas akceptataj nur por tuta jaro. Komencaj datoj : oktobro, januaro aŭ marto. La Revuo ne aperas en aŭgusto nek en septembro. Poŝt-kuponoj internaciaj estas akceptataj.

*Ĉiu abonanto havas rajton por 5-linia anonceto dum tuta jaro de l' abono.*

## ABONEJOJ DE E. K.

FRANCLANDO 'Ce la Direktoro de E. K. — 'Ce la Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, *Paris-V.* — 'Ce librejo Warnier kaj Ko, 15, rue Montmartre, *Paris.*
ANGLOLANDO British Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, *London, W. C.*
BOHEMUJO-AUSTRIO : F. Topič, libr. Ferdinandova, 9, *Praha.*
CILILANDO ; S-o Luis E. Sepulveda Cuadra, Casilla 1679, *Santiago-Chili.*
GERMANLANDO : Moller & Borel, 96, Prinzenstr., *Berlin.*
HISPANLANDO : S-o A. Jimenez-Loira, Paterna, *Valencia.*
HOLANDUJO : S-o H. B. van ZWET, Heerenweg, 51 bis, *Utrecht.*
HUNGARLANDO : S-o Endra Varju IV, Kigyo, U, 62. em. 14, *Budapesto.*
ITALLANDO : S-o Jakobo Bianchini, *Fontanafredda de Pordenone* (Udine).
LITOVUJO : P-o A. Dombrowski, en *Kovno*, Rusujo.
NOVA ZELANDO : S-o A. J. Burges, libr. Devon Street, *New Plymouth* (New Zealand).
POLUJO : Arct. libr. Nowy Swiat, 53, *Warszawia.*
PORTUGALUJO : D-o Malato, 37, Clerigos, *Portalegre.*
RUSLANDO : Societo Espero, Bol. Podjaceskaja, 24, log. 19. *S. Peterburgo.*
SVISLANDO : Librejo Garin, 20, rue Corraterie, *Genevo.*

---

*ATENTU! Sur la koverto de l' unua numero post la fino de l' abono estos stampata :* Via abono finiĝis kun la lasta n-o.



*Manuskriptoj kaj leteroj pri E. K. estu sendataj nur al la Direktoro.*

---

ESPERO KATOLIKA

*HONORATA PER APOSTOLA BENO DE PIO X-a*

*la 27-an de junio 1906*

# EVOLUCIO DE RELIGIA IDEO

*Respondo al D-o Vallienne.*

Pro la noto de So Direktoro en n-o novembra, mi tralegis ree vian respondon tre belstilan al Do Melin en n-o 39-a de E. K. Vere tiu respondo estas tre ĝentila kaj ĝia aŭtoro povas nur esti sciencisto plena de talento kaj de sincereco.

Jam Pastro Peltier rimarkigis al vi tre bone kaj siavice tre ĝentile, ke la konkludoj de tiom da sciencoj ne estas tiel certaj kaj sekve la legantoj de I. S. R. tiel lertaj kiel vi supozas; ke la religiemeco estas psikologia fenomeno nepre observebla; ke la supernatureco, havante siajn faktojn, estas konstatebla kaj de longe regule konstatita. Mi do plene konsentas kun li.

Sed vi daŭrigas kaj diras, ke vi « historie konstatis, eble kun bedaŭro, ke l'Eklezio katolika iom post iom malfortiĝas kaj malrapide dronadas' ». Pri tio, mi ne tute partoprenas vian bedaŭran kaj bedaŭrindan konstaton.

Certe jam de longe la « Respubliko Kristana » malaperis, kaj la Papo ĉesis regadi religie kaj politike tutan Eŭropon; certe, post Napoleono I-a, Viktoro Emanuelo senhavigis lin je liaj ŝtatoj, lasinte al li nur Vatikanon kaj ŝancelantan garantian leĝon; certe la framasonaro estas ĉie potenca kaj multegaj ne kredas plu en Kristo...

Sed tamen la Papeco ne pli kaj pli malfortiĝas; ĉar krom tiuj viaj kaj miaj bedaŭraj kaj bedaurindaj konstatitaĵoj historiaj, staras aliaj same historiaj, sed konsolaj kaj ĝojigaj. Vero estas tio kio estas, sed vero pri aĵo ajn,

estas ĉio kio ĝi estas, ĉio kion ĝi entenas da ekzisto, da ago, da efiko. Kaj mi diras, ke la Papeco ne malfortiĝas, kiam Napoleono I-a, ĉiopova en Eŭropo, ordonas al sia ambasadoro Cacault, konduti kontraŭ Pio VII-a, maljunega, detronita kaj mallibera, kvazaŭ kontraŭ estro de ducentmil militistoj; kiam revoluciema Francujo almilitas Algerujon, Tonkinujon, Anamujon, Tunizujon, Madagaskaron, kaj kun kontraŭreligiaj militistoj eniras ĉien la Papaj misiistoj; kiam episkoparo, kvankam elektita en malbonaj kondiĉoj; laŭ la proponoj de kontraŭreligia registaro, obeas la Papon pri ĉio ĝis la senhavigo tuta: kiam multega pastraro, laŭ la ordonoj de l'Papo, elektas malsaton prefere ol panon malhonoran; kiam militestroj, — nek sanktefrenezaj, nek pregademaj, — forĵetas siajn epeojn kaj reiras hejmen, rifuzinte fari malpiegaĵon; kiam eĉ timemaj virinoj aliras monpunojn, malliberejon, batojn, eĉ morton prefere ol permesi malpiegaĵon; kiam la plej gravaj kontraŭreligiuloj havigas la bapton kaj unuan komuniiĝon al siaj infanoj, eĉ instruadon kaj edukadon katolikan per pastroj kaj eĉ per monaĥoj; kiam plej fervoraj kontraŭreligiuloj, mortonte, maloftege forpuŝas ĝis la fino la helpojn religiajn de pastro katolika, se nur ili estas konsciantaj kaj liberaj; kiam tio ĉio vere okazas, ĉu oni ne estas prava, dirante, kun fama predikisto, « la katolikismo puŝas siajn radikojn profunde, en la simpatioj de l'homaro; ĉiam ĝi estis kaj nun ankoraŭ ĝi estas tre ŝatata de la plej bona parto de l'pensuloj ».

Kiam sub nomo malbenata de « katolikoj » kaj kun politika programo unike katolika, la registaro Belga daŭras de kvarono da centjaro; kiam la caro, l'imperiestro de Germanujo, la reĝo de Anglujo, la prezidanto de l'Ŝtatoj Unuigitaj, la mikado, la neguso, ĉiuj nekatolikaj, donas, donacas unu post la alia kaj malŝpare al la Papo la atestojn de sia respekto, — ĉu en Romo ne estas grava kaj granda forto ?

Kiam post la kruelaj persekutadoj de l'XVII-a jarcento en Anglujo kaj en Rusujo, post Josefo II-a kaj lia « manio »

malliberiga, post la bruegantaj Jansenistoj, la neniigo de l'Jezuitoj, de multaj aliaj ordenoj religiaj kaj de l'misioj tutmondaj, post la fulmotondro revolucia, la Papeco nune ĝuas ĉie liberecon, escepte en la lando kiu naskis liberecon; kiam la ordenoj monaĥaj multiĝas, la misioj plivastiĝas, multaj Germanaj, Anglaj kaj Amerikanaj protestantoj, Aziaj kaj Afrikaj idolanoj ĉiutage ekkonas kaj ekadoras la Dion de l'Papo kaj de l'katolikoj, ĉu vi povas konstati pri la Papeco malfortiĝon kaj dronadon. Ĉu prefere vi ne devas diri, kiel L. Veuillot skribis « Al kiu precipe la Revolucio utilis? Al l'Eklezio, kiun precipe ĝi intencis detrui. L'Eklezio ne posedas plu la ŝajnaĵojn de l'potenco, sed plian realecon de povo ĝi akiris. »

Cetere ĉu la principo de Tertuliano iĝis malvera? « Sango de martiroj estas semo de Kristanoj » kaj, dank' al Dio, nek la persekutadantoj, nek la martiroj mankas; ni atendu do baldaŭan plikreskon de Kristanismo. Eĉ nature la suferoj brave kaj kuraĝe akceptitaj, estas semo de simpatio, eĉ de gloro. Ne la elokventeco, ne la potenco, ne la mono estas vera forto, sed nur la sufero kuraĝe akceptita; nur ĝi mirigas kaj entuziasmigas la homaron; nur ĝi alvenas al gloro. Corneille diris

*Venko sen danĝero, triumfo sen gloro.*

Kaj nun ni alvenu al viaj apologiistoj — mi diras « viaj » ĉar tiajn mi ne konas kiajn vi priskribas; — ili estas ja « viaj », tute viaj, idoj kaj loĝantoj nur de via penso kaj cerbo.

Aŭskultu vi verajn apologiistojn kaj komparu ilin al viaj. Abato de Broglie, tre fama apologiisto moderna, diras « ke tiuj apologiistoj estis malsaĝaj, laŭ kies opinio ĉiuj ekleziuloj kondutis senpeke, ĉiuj popoloj katolikaj vivadis ĉiam sankte kaj sukcese ».

Alia vera apologiisto, P-o Godard, skribas « Dio ne bezonas mensogojn kaj ofte li pruvis per teruraj venĝoj, ke li malamas superege ĉiujn krimojn faritajn sub la marko religia. »

Alia ankaŭ, P-o Moulard : « Ni konfesas ke kelkaj trouzoj povis glitiĝi en la regado de l'Eklezio, aŭ pro malforteco, aŭ pro ambicio, aŭ pro mallerteco de kelkaj ĝiaj ministroj».

Leono XIII-a, malfermante al ĉiuj kaj al ĉiaj historiistoj la sekretajn arkivojn vatikanajn, diris « Ni ne timas veron ». Kaj fakte li pruvis elokvente ke l'Eklezio ne timas la veron historian, nek la veran historion.

La apologiistoj estas malveraj historiistoj. Kie do troviĝas la veraj historiistoj? Ĉe la oficejoj de l'ĵurnaloj libere pensantaj? Sed kiom da fojoj respondo de katolika scierculo al liberpensulo ne ricevis kontraŭrespondon? Kiom da fojoj la sciencistoj liberpensantaj diras kaj rediras samon, ne volante scii ke la demando estas de longe kaj regule decidita en favoro de l'Eklezio katolika? Ĉe kiu flanko do estas fido kaj trankvileco en vero posedata? Kie estas maltrankvileco kaj freneza atako al la kontraŭstarantoj, por ke eble perforto kaj mensogo ŝajnus esti rajto kaj vero? ĉar certigo malfavora al iu, sen pruvo, estas nur atako, sed neniel konstato.

Kaj vi konkludas Ni ne povas cetere nin kompreni reciproke, tial ke ni uzas la samajn vortojn laŭ malsamaj sencoj.

Pri la vorto « vero » vi tute eraras por la katoliko, kiel por vi, *vero estas tio, kio estas*. Estas tamen diferenco inter liberpensulo kaj katoliko por tiu-ĉi aperas la pruvoj de vereco kaj sekvas plaĉo; sed tiu pensas libere, aŭ prefere, kiel oni ofte diras, li agas libere kaj tial li pensas aŭ almenaŭ volas pensi libere : jes, jen la vera metodo scienca de multaj liberpensantaj sciencistoj pri aĵoj religiaj : unue io plaĉas al ili kaj due ili serĉas por ĝi pruvojn de vereco. Tio devas esti, tio estas logika kaj devus okazi pri ĉio : pri la sciencoj ankaŭ..., se nur liberpensulo estas iu kiu volas libere pensi... Sed kio iĝas libereco de penso antaŭ evidenteco, antaŭ konstatita certeco? Necese ĝi iĝas aŭ malvero kaj mensogo, aŭ neceseco kontraŭa al libereco.

(*Sekvo venos.*) GHISLENO BELGANO.

## SKLAVETO FARAGHIT

Ho, dolora rakontado !

Estis Faraghit karega fileto apenaŭ kvinjara, tre vigla kaj inteligenta, kies nigraj okuletoj ekbrilis sur blueta fono, bluo speciaa de la Orientanoj, kiu ŝajnas rebrilo de iliaj safiraj ĉieloj ; vera Sudana estaĵeto kun malgranda mentono ronda, tatuita ; lipetoj malsekaj kaj sangoplenaj, dentetoj multaj kaj tre blankaj. Paounjo estis lia fratineto nur tri-jara, jam per du nigraj piedetoj saltetanta, facile kaj brue ridetanta, feliĉa kaj kontenta kiel samaĝaj infanoj. Ilia patrino, Sueto, estis olivnigra Sudanino, kun okuloj malgrandaj, sed esprimaj, hararo lana, dentoj elefantostaj ; severa kaj sovaĝa, sed samtempe amema kaj tutkora por siaj gefiletoj. Kiom da feliĉaĵo por ŝi, kiam ŝi povis manpremi sian Faraghit kaj ŝultreportadi Paounjon ! La sanktejo de tiu ĉi malriĉa familio estis malgranda kajuto el malmultaj traboj kruce metitaj ; kiel tegmento estis tolaĵo kamel-lana, kiun ŝi, la bela nigrulino, kunteksis.

Unu tagon, ekpreninte sur siaj ŝultroj la malgrandulinon, ŝi iris promenadi al proksima vilaĝo kune kun Faraghit, kiu, ne suferinte patrinan malrapidecon, dekstren kaj maldekstren kuradis, saltęganta kaj grimpanta sur arbetoj. Kontraŭe patrino helpadis fratineton salteti kaj resalteti foseton, nek ŝi estus fininta amuzadon, se la knabeto ne estis veninta postuli parton el daktiloj de ŝi kolektitaj. Post malmulte da tempo Paounjo feliĉe ekdormis sur patrina brusto, je l' korparto. Dume Faraghit kuradis kaj iom post iom revenadis tuŝigi lipetojn inter patrin-hararo, ŝin kisante tiel ĝojege, ke ŝi serioz-ame devigis lin foriri.

Belega estis la vetero, la suno estis je l' sunkuŝiĝo, kiam Sueto ekvidis ke Faraghit plu ne revenis. Ekterur-igita, ŝi ĉirkaŭe rigardadis, lin alvokadis, sed neniu res-

pondis; orel-atentiĝis nenio; denove senspire aŭskultis, kaj ŝajnis al ŝi aŭdi voĉon de sia fileto kiel lian malproksiman kvazaŭ sufokitan kriadon. « Sendube, ŝi ekkrias, Faraghit perdis la vojeton. » Ŝi leviĝas kaj, kvazaŭ frenezulino, kuras tialoken, al kamparo, kie greno kreskadis pli ol du metroj (1), kun la malgrandulino je l' kolo ŝi eniras, penetras ĝin, alvokas, kriadas. Sed jen eliras el la trunketaro, rampantaj kiel serpentoj, kvin Araboj en blankaj vestoj kun burnusoj el kapo falintaj, pafilojn mantenante, kun el larĝaj zonoj elirantaj pistoloj. Tiuj nervo-fortuloj senparole ŝin ekkaptas, elŝiras el ŝiaj brakoj la karan filineton, kaj per fera cirkelo enfermas ŝian kolon, enbuŝis ŝin per bastonetoj kune kruemitaj tiel, ke ŝi ne povos paroli, alligas ŝiajn manojn malantaŭen, poste ŝin forkondukas al la proksima vilaĝeto. Tie, ho teruro! ĉiuj pacemaj vilaĝanoj estis perfide ekkaptitaj kaj enĉenigitaj por esti forkondukotaj, kien neniu sciis, kaj vendotaj.

La malfeliĉulino perdis siajn fortojn; el ŝia buŝo tute malfermita eliradis sanga salivaĵo, kune kun sufokitaj kriadoj. Kiam ŝi alvenis al vilaĝo, ŝiaj sango-koloriĝitaj okuloj serĉadis gefiletojn. Ne vidinte ilin, ŝi falis kiel fulmofrapita. Kio poste okazis pri la malfeliĉulino, oni nescias; ŝiaj gefiletoj nenion pri ŝi povis plu koni: sed se iu tie estus pasinta post du noktoj eble estus aŭdinta kraki ŝiajn ostojn sub dentoj de kruelega besto.

Paounjo, dume, plendis la tutan nokton, malfeliĉa mal-

1. En tia varma kaj fruktiga tero, greno okulkreskadas ĝis miriga alteco preskaŭ subarbara. Antaŭ malmulte da semajnoj mi serĉadis ĝerman signon; post ne multaj tagoj mi povis vidi muson saltegantan. Pasis iom da tagoj kaj kreskaĵo estis jam alta; hodiaŭ mi povas nur malfacile tusi ĝian suprajon, altan kiel ses kvaronoj de metro, kaj grupo da elefantoj en ĝi povus sin kaŝi. Jam floradas la maiz-spikoj, grandaj kaj dikaj, fermitaj en siaj multaj folioj. (Stanley-Nell : *Africa Tenebroza* — En malluma Afriko — vol. 1, p. 358).

grandulino, ŝiaj okuletoj serĉadis la solan vizaĝon vere konitan, kiun ŝi kutimis kisadi en maro da karesoj. Sed larmoj de tiuj senkulpaj estaĵetoj ne haltigis la inferan amuzadon de l' krimegaj homrabistoj.

Faraghit kaj Paounjo estis kunigitaj en la karavano. Sed kiel tiuj du etuloj povis daŭrigi vojaĝon tiel malfacilan? Frateto kvinjara, fratineto trijara devigitaj kuradi vojon malebenan kaj senliman, sen ia helpanto, kaj sub povo de senkoraj viroj! Tia pensado disŝiras la koron! Ho ne, ni ne povas pensi sen larmoj pri tiu ĉi kruelegeco! Du malfeliĉuletoj batitaj, piedfrapitaj, vipitaj, sen ilia patrino, kiu estus lasinta mortigi sin por savi siajn senkulpajn estaĵojn.

Post unutaga marŝado la knabineto, kiel oni bone komprenas, ne povis daŭrigi. Ŝi ekploris kaj falis kiel mortan dum la kavarano, sen vidi ion, daŭrigis vojaĝon. Faraghit, kiu ĉiam estis apud ŝi, ne forlasis ŝin, per siaj manetoj ŝin karesis, blovetis sur ŝia vizaĝeto, kvazaŭ li volus ŝin revivigi, ŝin nomvokis, ŝin kisis, ŝin rekisis ĝis dolorpremata kaj senforta, li falis apud ŝi. Sed jen alvenis kurante rabisto de la karavano, kiu ekvidis tiun mankon, li devigis Faraghit rapidi; sed kiel li povis tialoke kaj tiahore sin okupi pri knabineto? Kruelege li ŝin pafis; la pafo ne trafis; tiam, por rapidegi, la Arabo per glavo unubate fendis ŝian kapon. « Kaj ci, Faraghit, plidiris la rabisto, aŭ rapidu aŭ sammaniere mi cian kapon dispecigos. » Malgranda sklaveto ankaŭ unufoje rigardis fratineton, sed vipbatoj lin rapidigis kaj rekondukis al la karavano.

Post du aŭ tri tagoj da vojaĝado, Faraghit ne povis plu marŝi; li tute senfortiĝis. Kelkaj infanoj estis en sama malfeliĉa kondiĉo. Tiam restaĵo de kompato — kion mi diras?... restaĵo de krueleco — devigis senkorajn rabistojn kunligi tiujn infanojn kaj ilin ĵeti en sakon por ilin portigi sur kamelo. Post ne longe, la karavano alvenis kaj haltis en vilaĝo, kie nigra kaj mortiganta reĝo kune kun magoj kaj sorĉistoj deziris aĉeti

kvindek sklavojn belajn kaj fortajn. Vendado tuj fariĝis. Oni ornamis la sklavetojn per plumoj kaj cirkaŭkoloj, kiel se ili devus iri al festeno ; sed reĝo per ili intencis pacigi siajn idolojn kaj ĉesigi teruran infektan malsanon, kiu de ia tempo detruis tiun genton.

Oni kondukis la sklavetojn sur la placon, kien sovaĝa popolo kunvenis ; la sklavetoj, inter kriadoj, bruadoj, malbenadoj, ĉiuj estis mortigataj per falĉilo de la ekzekutisto, kiu ruligis unu post unu ĉiujn kapojn en sangolakon. Faraghit vi lis tiun teruran buĉadon kaj rigardadis kvindek kapojn sur kvindek stangoj levitajn cirkaŭ la reĝa kurtenaro, apud kvindek kapoj tranĉitaj la antaŭan tagon. Kia terurego ! La karavano daŭrigis sian malĝojan vojaĝon. Faraghit estis vendita kvinfoje, kaj ĉiu nova aĉetanto per brulanta fero enpresis sur lia vizaĝo sian signon, kiel oni kutimas kun bestoj ; tiel, kiam la knabo alvenis Alger'on, li estis terure tatuita. Lia sanstato estis nedirebla ; li havis nur haŭton kaj ostojn. Dum lia sklaviĝo oni donis al li kiel nutraĵon nur krudajn grenerojn, kaj li kolektis kaj finis senkarnigi ostojn, kiujn la Araboj post manĝado forĵetis.

Bonokaze en Ouargla li renkontis la Blankajn Pastrojn.

Tiuj lin rigardis. Ho ! li ne havis plu homan formon.

— Malfeliĉa knabo, ĉu vi volas veni kun ni ? diris al li la misiistoj, vi havos panon, manĝaĵon, prizorgon, karesojn ; ni estos viaj defendantoj. Ho, malfeliĉa knabo, kiel vi devas esti suferinta ! »

Faraghit ne sciis respondi.

— El kie vi venas ? diris la pastroj, ĉu vi havas fratojn, patrinon ? »

Faraghit rigardis ilin kiel malsaĝa. La bonaj patroj komprenis, ke io terura devis esti al li okazinta. Per malgranda pago, ili aĉetis tiun homan ombron, lin baptis, edukis, instruis, agis kun li milzorge.

Kaj nun ? Nun tiu knabo, tiu malgranda heroo de frata amo fariĝis varmega helpanto de l' pastroj-misiistoj en

iliaj eĉ malproksimaj pilgrimadoj, gvidanto senlaca kaj fidela de siaj savintoj, animo martira kaj batalanta por la liberiĝo de la sklavoj.

El verko *L'Antischiavismo*, de Adv. Bianchetti, tradukis

P-o BIANCHINI, *Italo.*

NOTO DE L' TRADUKINTO. — *Geesperantistoj bonkoraj! ĉu vi deziras malaperon de sklaviĝo? Ho jes, Esperanton ni lernas kaj vastigas por kunhelpi al la tutmonda frata unuiĝo. En Romo (Italujo) nun estas Kanoniko klera, bonkora, kiu por malapero de sklaviĝo donacis sian riĉecon, sciencon, tempon, sian tutan vivon. Li havas kolegion de Afrikaj misiistoj, preŝejon preskaŭ ĉiulingvan, el kiu ĉiumonate eldoniĝas broŝuretoj tre interesaj pri sklaviĝo. Do ĉiuj personoj aĉetu ĉe li librojn pri sklaviĝo kaj ilustritajn poŝtkartojn, sendu al li eĉ malgrandajn monoferojn. Ĉio estos por la elaĉetado de la malfeliĉaj gesklavoj. Antaŭen do per via agado, per via bonkoro, per via mono. La venontaj generacioj kaj la anĝeloj de la sklavoj vin benos el la ĉielo kaj el la tero. Plie tiu ĉi klera Kanoniko simpatias kun Esperanto, kaj se li vidos utilecon por la civilizado de la mondo, li tuj ĝin eklernos, priparolos en siaj eldonaĵoj kaj inter la misiistoj. Jen por ni duobla kampo de gajno. Ĉiu do mendu, skribante Esperante, almenaŭ centon da ilustritaj poŝt-kartoj aŭ 200 propagandajn poŝtkartojn Esperantajn. — Sin turni al Kanoniko Giangiacomo Conolo, Corso Vittorio-Emanuele, 101,* Roma *(Italujo).* P-o B.

## SOCIALA KRONIKO

### NUNTEMPAJAJ TEMOJ

S-o Aynard, deputato de Lyon, antaŭ nelonge parolis pri la « Burĝaro » (Bourgeoisie), societa klaso, kiu konsistas el la burĝoj, t.e. homoj vivantaj en meza rango inter

la nobelaro, kaj la laboristaro. Li elmontris, ke tiu klaso — kion ajn diras la revoluciistoj — neniel estas fermita kasto, kaj ke, ne serĉante tre malproksimen por trovi ĝian komenciĝon, oni facile vidas, ke ĝi grandparte rekrutiĝas per elekto el la demokrata klaso.

Tiu aserto estas tute prava; kaj mi konfesas, ke mi atentis pri ĝi tiom pli, ke antaŭ nelonge mi mem havis okazon konstati ĝian ĝustecon kaj verecon. Ia ajn realaĵo, eĉ la plej malgranda, ĉiam provas multe pli konvinke, ol la plej belaj filozofiaj disertacioj. Permesu do, ke mi rakontos al vi tiun ĉi. 'Gi estas simpla, kaj se mi estus elpensinta ĝin, ĝi ne estus inda min fierigi pro tia eltrovo. Sed ĝin mi tute ne elpensis.

Nu do, en la jam de longe pasinta tempo, kiam mi studis en kolegio de malgranda provinca urbo, mi havis, kiel kunlernantojn, du junulojn el tre diversaj socio-rangoj. Unu — lin mi nomu Durand, por faciligi la priskribon — estis filo de grava burĝo en la urbo, de tia burĝo (kiel diris la bone informitaj homoj), kiu estas almenaŭ, riĉa je kvincent mil frankoj. Tio ja estis tre rimarkinda situacio en tiu epoko.

La alia — kiun mi nomos Dubois — estis nepaganta lernanto, filo de doganisto; kaj tiu doganisto ne estis doganoficiro, ne eĉ dogansuboficiro, sed nur simpla doganoficisto.

Kaj mi pensas, ke Sinjoroj socialistoj ne taksos min kulpa de trograndigo, se mi diras, ke simpla doganoficisto, salajrita po 80 Sd. ĉiutaje, estas nur proletario.

Nu, la pasintan jaron, mi retrovis miajn du kamaradojn.

Dubois, la filo de la doganoficisto, faris sukcesplenan karieron en ia industrio. Li hodiaŭ estas posedanto direktoro de unu el la plej gravaj vitrofarejoj en Francujo; kaj kiam mi iris por viziti lian fabrikejon, li venis renkonten al mi, veturigante min, tuj de l'stacidomo, en sia aŭtomobilo. Pri Durand, la filo de la grava burĝo, li estas provizejgardisto en la fabrikejo de Dubois. Malfeliĉa edziĝo, eksedziĝo, mallertaj spekulacioj, kaj ankaŭ iom

da senenergio kaj senkuraĝo kontraŭ malfacila fatalo, lin metis en tian staton, kiu estas la plej malĝoja mizero. Kiam Dubois en sian fabrikejon bonfare lin akceptis, tiu ĉi, senigita je ĉio, ne trovis en tiu momento alian laboron ol dungiĝo por elŝiri la betojn en kampo-kulturejo.

Tiel, la filo de proletario fariĝis burĝo; kaj la filo de burĝo fariĝis proletario; kaj por ke tia ŝanĝiĝo plenumiĝu, estis sufiĉa ne tri, ne du, ne eĉ unu plena generacio. En spaco da 25 jaroj, fariĝis tiu aliiĝo per la kuraĝo kaj volado de la unua, per la senpripenso kaj apatio de la dua.

Atente rigardu ĉirkaŭ vi, kaj vi tre certe trovos pli ol unu ekzemplon de tiu okazantaĵo. Kaj kiam la socialistoj parolos al vi pri la burĝaro, fermita kasto, nealirebla al la esperoj de la popolo, kaj pri la proletario, neelireble ligita al sia mizero, kaj pri la sociaj maljustaĵoj, kaj pri la neceseco de la interklasaj luktoj... nu, vi faru kiel mi, forridu ilin antaŭ ilia nazo. JEAN LECOQ.

(El *Le Petit Journal*, 30 nov. 1907.)

*Kun permeso tradukis : D-ro Noël.*

## *LA VIVO DE L' KATOLIKISMO*

### LA JUBILEO DE LOURDES.

Oni scias, ke en tiu ĉi jaro 1908 okazas la 50-a datreveno de l' Aparacioj de l' S. Virgulino en Lourdes. Solenaj festoj estas preparataj kaj komencos la 11-an de februaro ĝis sama dato 1909. La fervojaj kompanioj, almenaŭ en Franclando, konsentas grandan rabaton por la vojaĝo en Lourdes dum februaro.

Papo Pio X-a sendis al Kardinalo Lecot (diocezo de Bordeaux) gravan leteron, per kiu li nomas la Kardinalon sia Delegato por lin reprezenti oficiale dum la festoj kaj doni papan benon al la katolika popolo ĉeestanta. Tiuj, kiuj ricevos post konfeso kaj komuniiĝo la papan benon, ĝuos plenan indulgencon por siaj pekoj.

Okaze de l' Jubileo, la fama kuracisto, Doktoro Boissaries, kiu de multaj jaroj prezidas la Konstatan Oficejon en Lourdes, publikigis belegan libron *L'Œuvre de Lourdes* — La agado de Lourdes (1).

Ni havas la plezuron anonci, ke D-o Boissaries kaj la eldonisto afable permesis la tradukon en Esperanto de kelkaj ĉapitroj el tiu belega verko. Nia Direktoro intencas fari mem la tradukon kaj eldoni ĝin en aparta volumo de *Moderna Biblioteko*. Pro la graveco de l' verko, pro la solenoj de l'Jubileo de Lourdes, tiu libro estas kredeble la *unua*, kiu eliros el la *Presejo S. Martino*.

## NOTOJ PRI VOJAĜO ĈIRKAU LA MONDO

*Sekvo* (2).

### PRISKRIBO, DIVERSAJOJ, LEGENDOJ

Cingulajo, dum dek tagoj rigardata, ŝajnis al mi efektivigi la ideon kiun pri ĝi Europanoj faras al si, laŭ la priskriboj de la vojaĝintoj kaj la legendoj de la mahometanaj libroj ĝi ŝajnas restadi la tera paradizo pro la grandioza beleco de sia kreskaĵaro, pro la konstanta brilo de sia eterna somero, kreskiganta kaj floriganta la kreskaĵojn, neniam ilin bruligante. Tie ĉi la tutaj folioj ne estas kune forportataj, je preciza tempo, de la aŭtuna aŭ vintra malvarmo. Ili naskiĝas unuj post aliaj, malrapide kaj seninterrompe en sia kreskado. Se unu hodiaŭ falas, ĝi estas anstataŭata de alia tute verda. Oni imagas, ke la natura morto de la estaĵoj, antaŭ la devena kulpo, kredeble havis tiun ĉi kvietecon, kiu aperigis nenion malagrablan al la rigardoj.

Cingalujo, ĉe siaj diversaj altoj, kunigas ĉiujn klimatojn :

1. Librejo Téqui, 29, rue de Tournon, Paris. Bela volumo da 400 p., kun 60 similigravuroj.

2. Vidu E. K., N-o 34, p. 111.

la varmeco estas malseka sur la marbordoj dum, sur la plej altaj montoj, ofte regas temperaturo malvarmiĝanta ĝis glacio. La kreskaĵaro obeas tiun ĉi diversecon. La ebenaĵoj ĉirkaŭantaj « Colombo » (Kolombo) estas kovritaj per verdaj arboj, kiel kokosarboj, palmarboj, kaŭĉukarboj, ĵakarboj. (*artocarpus integrifolia*), mangarboj. (*mangifera indica*). De la alta maro, oni kredas unue ekvidi senfinan, malheleverdan arbaron. Kiam oni albordiĝas, oni ektrovas la arbaron malpli densa ol oni ĝin imagis en ĝi estas dometoj, vilaĝoj kaj eĉ urboj. Sed la arboj estas miksataj inter la domoj kaj balanciĝas super la tegmentoj: la preĝejoj mem estas ŝirmataj per altaj kokosarboj.

La kokosarbo ĉie kreskas sur la marbordoj, de la maro ĝis la montoj. Ĝi estas la espero kaj la riĉeco de Cingaloj: ĝi liveras al ili dolĉan aŭ fortan trinkaĵon, laŭ tio se ĝi estos kulturigita de plugisto, kiu deŝiros ĝian frukton ankoraŭ junan, aŭ de industriisto kiu aĉetos ĝin maturan por el ĝi fabriki la « arackon ». La kokosa lakto estas dolĉa kiel akvo miksita kun mielo. La aracko estas fortega kiel niaj plej alkoholaj brandoj.

Cingalo konstruas sian domon sub kokosarbo, kelkafoje ĉirkaŭe. Per la sekaj folioj de l'arbo. li kovras la tegmenton; per la fadenoj de l'frukto, li teksas la ŝnurojn per kiuj li alĝustigos la partojn de siaj flosoj. La Eŭropa industrio montras al li kiamaniere oni eltiras el la kokoso ĉu sapon, ĉu sukeron, ĉu oleon. Tial, kiel zorge Cingalo kulturas sian plej amatan arbon! Li plantas ĝin ĉie, kie li povas, kaj zorge anstataŭas la mortintajn trunkojn. Unu plenkreska arbo kredeble ĉiujare produktas de du ĝis kvar frankojn. Sed la maldika formo de tiu ĉi arbo permesas, ke oni planti multajn el ili sur malvasta spaco.

Oni rimarkas ke la marbordaj kokosarboj ĉiam prezentas sian kapon kliniĝantan al la maro, kvazaŭ la potenca Oceano altirus ilin por ilin fruktigi per la malvarmeto de l'pluvo, kaj de l'ventoj. 'Ciuj tiuj kapoj de la grandaj arboj, ŝargitaj per folioj kaj fruktoj invitas la altmaran mariston

por ke li venu albordiĝi sur tiel fruktodonan teron, sub la ombro de arbaroj tiel gastemaj.

Sen dube, la beleco de tiu ĉi insulo, la brilo de ĝia lumo, la nekonsumebla riĉeco de ĝia kreskaĵaro, la diverseco de ĝia tero kaj de ĝia klimato faris tre profundan impreson sur ĝiaj unuaj vizitintoj, por ke tiel forte estu fondiĝintaj la Mahometanaj, Hindaj kaj eĉ Kristanaj legendoj, kiuj konsideras tiun ĉi teron kiel la unuan loĝejon de Adamo, Edeno, la tera Paradizo. Efektive, oni malfacile elpensas lokon pli agrable loĝeblan ol kelkaj anguloj de tiu ĉi insulo, sur la bordoj de unu el ĝiaj riveregoj, sub la ombro de ĝiaj belaj arboj, ĉiusezone liverantaj per si mem, ne kulturite, bongustajn kaj diversajn fruktojn, kokoson, mangon, ĵackon, ktp., ĉiuspecajn spicojn kaj refreŝiĝantajn trinkaĵojn. La te-arboj kaj la kafarboj estas kulturigataj sur la altaj plataĵoj. *(Sekvo venos.)*

El la verko : *Vojaĝo ĉirkaŭ la mondo* de M-ro PASQUIER Rektoro de la Katolika Universitato en Angers, kun permeso de l'Aŭtoro, tradukis : Vo-Po-Lo.

## UNIVERSALA KOMUNIKILO

**Entomologio.** — P-o Guignon, parokestro de *Vulaines-sur-Seine*, per Avon (S.-et-M.), Francl. sin okupas pri la entomologia parazitologio. Li serĉas la difektojn, kiujn la ĉiuspecaj insektoj, precipe larvoj, raŭpoj, kaŭzas sur la kreskaĵoj. Li plezure ricevos informojn kaj korespondados pri tiu temo.

**Grafologio.** — P-o Derroite deziras, kiel grafologiisto, koni fremdajn samideanojn kaj ricevi modelojn de skribo el ĉiu lando.

**Mi deziras aĉeti** la N-ojn de E. K. 4-paĝa (eldonita en la franca revueto *L'Aube*). Sendu proponojn al S-o A. Marich, Ulloï-Ut, 5o. IV, 8, Budapest (Aŭstrio).

**La Direktoro de E. K. deziras aĉeti** : *Andreu*, Dikzionario Esperanto y Kastellano ; Unua hoja y Gramatica ;

kaj ĉiuj aliaj verkoj (se ili ekzistas). — *Villareal F.*, Manuel para aprender la lingua intern. — Esperanto, lengua intern. en 14 lecciones. — *Lopez-Villanueva* Gramatica y diccioniario, eldon. 1903 j., en Murcia (Hispanujo). — *P-o Dombrovski*, Mokintuve torptantiskos kalbos D-o Esperanto (Litova eldono). — *Saint-Loup*, L'Esperanto en deux leçons. — *Gruey*, La sunhorloĝo en Dijon, Francl. — *A. Bignie*, Esperanto kompedio. — *Evrot*. Conférence sur l'Esperanto. — *P. Mielle* (de Tarbes), Causerie à l'occasion de la fondation du groupe de Tarbes. — Bonvolu liveri la prezon petatan por ĉiu libro.

## PROPAGANDA KRONIK

*Inter la Katolikoj.*

**Belga**. — La grupo *Excelsior* pli kaj pli progresadas. La membroj tradukis katekismon de Meĥlino ; la glorojn de Mario, el Sankta Alfonso, kaj Metodon por aŭdi la konfesojn. La fama predikisto P-o Adjutus, franciskano ; la granda apostolo de l' sobreco, Kanoniko Senden (Direktoro de societo de junuloj); Profesoro Lucien Vermaut, licenciato en teologio, fariĝis Esperantistoj. (El letero de l' sekretario.)

**Irlanda**. — D-o O'Connor faris paroladon en Dublin, Belfast kaj Kork. Li tre interesis la aŭdantaron kaj sukcesis fondi specialan societon propagandan por Irlando. « Mi estas, li diris, vice-prezidanto de la Brita Esperanta Asocio, sed mi pli-volus esti eĉ la pordisto de la Esperanta societo en mia kara patrolando. » Fondiĝis grupoj en Belfast kaj York. (El letero de P-o Parker.)

**Franca**. — En Remiremont (Vosges), S-o Colas, Kaporalo, faris tre sukcesan propagandon en la urbo, ĉe diversaj katolikaj grupoj de junuloj, La pastraro de Remiremont estas favora al la movado.

**Usona**. — *The Catholic Home Journal* (St-Louis)

dediĉas multajn paĝojn al Esperanto kaj E. K. en sia Kristnaska N-o traduko Angla de l' plena raporto pri la katolikaj kunvenoj en Cambridge; tr d iko de la bela Gaskona legendo de S-o de Rey-Pailhade (N-o 36 de E. K.). Tre koran dankon al la fama gazeto. L. MILHO.

## PAĜO DE L' DIREKTOR

*La Direktoro de E. K. respondos nur al tiuj, kiuj sendos poŝt-karton kun responda flanko, aŭ internacian respondan kuponon.*

**Nova tarifo de anoncoj.** — Krom la *Anoncetoj* de l' abonantoj, ni akceptas grandajn anoncojn, de kiuj la daŭro estas ĉiam *unu jaro*. Ni petas niajn legantojn, ke ili bonvolu atentege legi nian novan tarifon, sur paĝo 2-a de l' kovrilo. Oni vidos, ke E. K., kvankam unu el la plej internacie disvastigataj revuoj, havas tamen la plej malkaran tarifon de anoncoj.

Ni memorigas, ke por ĝui la rajton pri senpaga anonceto, la *sola kondiĉo postulata* estas *pago de l' abono antaŭ* la enpreso de l' anonceto.

**Jarlibro.** — Ni promesis eldoni la *Jarlibron* de niaj Katolik-Esperantistaj societoj en marto. Ni do insistas, por ke oni sendu al ni *plej rapide ĉiujn informojn* pri nomo, adreso kaj *profesio*, kaj ankaŭ anoncojn laŭ la nova tarifo de E. K.

Ni ne kuraĝas presi la malgrandan nomaron de *Abelo Esperantista*, kvankam tiu societo estas unu el la plej gravaj. Ni esprimas la deziron, ke niaj legantoj multe klopodu ĉe la katolikaj komercistoj kaj industriistoj *Esperantistaj aŭ ne*, por enskribi ilin en A. E. Ili havas bonegan argumenton, montrante ke la sola abono donas al komercistoj rajton por unujara anonceto 5-linia senpage. Ni deziras almenaŭ cent membrojn antaŭ marto. Helpu nin, karaj legantoj, aŭ oni respondos al vi, kiel al ni *Por kio utilas al vi Esperanto?*

**Katolikaj Societoj.** — Ni rapidas la aperon de E. K. por gajni tempon, ĝis kiam ni povos regule dissendi ĝin komence de ĉiu monato. Tial ni ne ricevis multajn aliĝojn inter la kompostado de januara kaj februara n-oj. Ni do prokrastas la sekvon de l' nomaroj ĝis marto.

## EN LA MONDO ESPERANTISTA

### ESPERANTISTA LINGVA KOMITATO

La Prezidanto sendis al la gazetoj cirkuleron, kiu klarigas la rolon da la L. K. en la demandó pri reformoj, kaj liveras oficialajn informojn pri la stato de l' aferoj.

Ni ne povas plene citi ĝin pro ĝia longeco. Ni analizas la ŭnuan parton

1) La Prezidanto de l' L. K. klarigas, ke la « Esplora Komitato » estas simple « konsulta komitato, kaj ne havis la rolon « tranĉi definitive la demandon »;

2) La plimulto opinias (el 61 respondantoj), ke ŝanĝoj en Esperanto devas esti farataj, ne per Delegacio, sed per L. K. kunsente kun D-o Zamenhof;

3) Unu Komitatano opinias, ke la L. K. « re estas sufiĉe rajtigita por solvi la demandon », ke la Delegacio devas « sin turni senpere al Zamenhof ». — Kontraŭe, la cirkulero opinias, ke la L. K. povos « almenaŭ prezenti al la Doktoro aŭtoritatan opinion pri la demando ĉu, kiamezure kaj kiamaniere trakti kun la Delegacia Komitato », kaj « partopreni en la traktado, se li juĝos ĝin ebla aŭ utila por nia afero ».

Jen la cetero de l' teksto

...Nun, pri la demando mem, 8 el la 61 respondintoj ne sentis sin sufiĉe informitaj kaj ne esprimis klare sian opinion; 8 tre klare kaj tre energie respondis, ke oni devas danki la Delegacian Komitaton, pro la neesperebla okazo, kiun ĝi naskis, forigi el la lingvo ĉiujn ĝiajn malbonaĵojn, kaj ke la kompetenco kaj aŭtoritateco de la

Delegacia Komitato certigas la plenan sukceson de reformo, kiun la Esperantistoj kvazaŭ enkatenitaj de la Bulonja Deklaracio, tiu bedaŭrindega baro kontraŭ ĉiu natura evolucio de la lingvo, ne povus mem efektivigi. Aliparte 11 esprimis la deziron ke oni faru kelkajn ŝanĝojn en Esperanto kaj interkonsentu pri tio kun la Delegacia Komitato ; sed ili petis samtempe : 1) ke tiuj ŝanĝoj estu serioze kaj mature pripensitaj de la Lingva Komitato ; 2) ke ili estu kiel eble plej malmultaj (nur pri certaj kaj netolereblaj maloportunaĵoj de la lingvo, se ekzistas tiaj) ; 3) ke ili konsistu prefere el aldonoj ol el forigoj kaj pozitivaj ŝanĝoj. Fine la 34 ceteraj opiniis, ke oni ne devas trakti kun la Delegacia Komitato ; kelkaj, ĉar ili tute malaprobas ĉiun proponon de reformoj, ĉu kiel kontraŭaj al la Bulonja Deklaracio, kiu ligas nerompeble, laŭ ilia opinio, ĉiujn Esperantistojn, eĉ la Lingvan Komitaton, eĉ la Kreinton de Esperanto ; ĉu kiel pereigan por la propagando kaj eĉ por la ekzistado de nia afero, kiu povas disvolviĝadi kaj staradi senriske nur sur firma kaj neŝanĝebla interkonsento de ĉiuj ĝiaj partoprenantoj : kelkaj, ne ĉar ili malaprobas principe ĉiun ideon de ŝanĝoj en Esperanto, sed ĉar ili opinias, « ke la Delegacia Komitato ne havas sufiĉan aŭtoritaton, por ke ĝiaj decidoj estu ĝenerale akceptitaj, kaj ke ĝiaj raportantoj ne konas la tuton de la demando pri la Universala Lingvo kaj ne povas fari definitivajn reformojn, sed eble post kelke da jaroj la praktiko montros gravajn mankojn kaj erarojn en ilia projekto kaj oni devos fari novajn reformojn, reformi la antaŭajn, ktp. ».

Tia estis resume la rezultato de la unua konsulto de la Lingva Komitato pri la Delegaciaj aferoj. Sed tiu konsulto ne estis sufiĉe preciza kaj la demando estas tro grava, por ke mi povu konsili tujan kaj definitivan decidon.

Mi do proponis al D-o Zamenhof :

1) Daŭrigi korespondadon kun la Prezidanto kaj ĉefaj membroj de la Konstanta Komisio de la Delegacio, por

pli klare starigi la kondiĉojn de ebla interkonsento;

2) Kolekti la raportojn de la Esplora Komitato kaj aliaj kompetentuloj aŭ memvolaj raportantoj kaj prepari resuman kaj ĝeneralan raporton pri ĉiuj proponoj de lingvaj ŝanĝoj ĝis nun al ni liveritaj de la Delegacia Komitato;

3) Ĉar la Bulonja Deklaracio ŝajnas ne havi sencon sufiĉe klaran por kelkaj Esperantistoj tiel same inter ĝiaj partianoj kiel inter ĝiaj kontraŭuloj, estus necese, laŭ mia opinio, ke D-o Zamenhof klarigu antaŭ la Lingva Komitato kaj la Esperantistoj, kiel ni devas kompreni ĝin, t. e. ĉu ĝi valoras nur kontraŭ ĉiu privata individuo aŭ aparta societo proponanta pli malpli arbitrajn ŝanĝojn, aŭ eĉ kontraŭ la tuta Esperantistaro kaj ĝiaj rajtaj reprezentantoj;

4) Ĉar la sperto montris, ke estas tre malfacile por la L. K., pro ĝia nuna stato, labori kaj konsiliĝi kune, mi proponis al la Doktoro projekton de reorganizo de la nomita Komitato por faciligi kaj rapidigi ĝian agadon.

Vi baldaŭ ricevos komunikon de tiu projekto.

Volu akcepti, Estimata Kolego, mian plej koran saluton.

La Prezidanto de la Lingva Komitato,
E. BOIRAC.

---

## BIBLIOGRAFIA KRONIK

**Presa Esperantista Societo** jus eldonis *Dictionnaire Français-Esperanto et Esperanto-Français* (radikaro), kun resumo de gramatiko. Prefaco de Th. Cart. — Bela volumo da 728 paĝoj en poŝa formato. Tiu nova vortareto reprezentas grandan kaj seriozan laboron. Ĝi estas kvazaŭ la skizo de la *Vortarego* de l' sama eldonejo. La Francoj certe tre ŝatos ĝin, precipe se ili ĝin komparos kun la unuaj vortaretoj francaj verkitaj de S-oj Cart kaj Pagnier. Prezo broŝurita, 4 fr. 50 (1,80 Sm.); bindita, 5 fr. (2 Sm.).

La sama firmo publikigis belan kolekton de ilustritaj

poŝtkartoj (12 diversajn) *L'Esperanto par la fable*. Ĉiu karto enhavas lecionon per teksto de fablo, notojn gramatikajn kaj demandareton. Plie beleta gravuraĵo ilustras la tekston. Prezo : plena kolekto, 1 fr. 10, afrankite ; 3 lecionoj (3 p.-kartoj), 0 fr. 35. — Tre aĉetinda.

**Pubul y Morales**, Valencia, Hispan. — *Verba amuzaĵo*, verkita de Esperantisto 10.072. Dua eldono. Prezo 10 centimoj. Aĉetebla ĉe S-o A. Jimenez, Loira, Paterna, *Valencia*. — Tre utila por memorigi la diversajn formojn de verbo.

**Moller kaj Borel**, Berlin. — *Esperantista Poŝkalendaro* por 1908. Eleganta volumeto da 98 paĝoj, kun portreto de D-o Zamenhof, dataro, projektoj de lingvo internacia, monsistemoj, la *Espero* (muziko de S-o de Ménil), klarigoj pri Dresden, loko de la 4-a kongreso ; universala kalendaro, Esperantistaj konsulejoj, grupoj, societoj, hoteloj, restoracioj, ktp. — Tiu unua provo de internacia poŝkalendaro estas vera ĉefverketo. Rapidu mendi ĝin (0,40 Sm.; 1 fr.).

**Hans Th. Hofmann**, Berlin, publikigis alian kalendaron, ne-poŝan. Ĝi tute diferencas de l' alia. *Konversacia Kalendaro por 1908*, redaktata de Karlo Steier, enhavas 1) plenan kalendaron por ĉiuj tagoj de l' jaro ; 2) la festotagojn protestantajn kaj katolikajn ; 3) la pentotagojn de l' protestantoj ; 4) la lunfazojn de l' jaro ; 5) la tagojn sinsekve kalkulitajn de l' komenco kaj de l' fino de l' jaro ; 6) la plej gravajn datojn en la historio de Esperanto ; 7) sufiĉe grandan spacon por notoj dum ĉiuj tagoj de l' jaro ; 8) rubrikon por monaj elspezoj, ktp ; 9) konversacian parton kun frazaro de ĉiutaga vivo por Esperantistoj ; 10) kolekton da germanaj proverboj kun ilia esperantigo ; 11) la plej novan poŝtan taksaron ; 12) aliajn tre utilajn sciigojn kaj konsilojn por praktika uzado de Esperantistoj kaj de vizitontoj de la venonta Kongreso de Esperanto. La konversacia parto estas tiamaniere arangita, ke ĝi utilos al ĉiuj gesamideanoj, kiuj vizitonte la Dresdenan Kongreson Esperantistan deziras

rememorigi al si la plej uzatajn frazojn de la germana lingvo, sed ankaŭ al ne-Esperantistoj, kiuj deziras facile kaj sen gran la peno kaj tempoferoj ellerni la frazaron de lingvo Esperanto.

*Ĉ u mendonto de la Konversacia Kalendaro* rajtas mendi duan ekzempleron samenhavan nur broŝuritan je la speciala prezo rabatita je la duono de l' prezo por la Kalendaro. Prezo sen sendkosto 50 Sd (laŭ internacia monsistemo) M. 1, — K. 1,20, — fr. 1.25, — 1 s. Societoj, grupoj kaj propagandistoj, ricevos specialan rabaton ĉe ĉiu mendo (Sendkosto po ekz. 15 Sd.).

**Internacia Propagandejo Esperantista**, Merton Abbey, London S.W. daŭrigas la publikigon de siaj *Tutoj*, libretoj dek-centimaj. Jus aperis : *Hela Esperanto*. La firmo jam disvendis 300.000 dek-centimajn libretojn en diversaj lingvoj ! Bonegaj helpiloj por propagando.

---

## PROMENADO TRA LA GAZETOJ

*La demando pri reformoj estas nune la plej granda priokupo de l' Esperantistaro. Tamen multaj gazetoj ne parolas pri ĝi. Ŝajnas, ke oni volas pritakti la demandon en profunda, mistera silento, sen konigi al la Esperantistaro la argumentojn por kaj* **kontraŭ** *la reformoj. Lojaleco postulas, laŭ ni, ke nia gazeto metu antaŭ la okuloj de la legantoj ĉiujn dokumentojn de la proceso. Tial ni citas hodiaŭ el la gazetoj nur la artikolojn, kiuj rilatas al agado de la* Delegacio *kaj al la demando pri reformoj en Esperanto. Niaj legantoj povos tiamaniere formi mem sian opinion.*

*Lingvo Internacia* (dec.). — « Por la nuna momento » La jenaj meditindaj linioj estas eltiritaj el la bonega kaj famê konata broŝuro « Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo Internacia », verkita de Unuel, pseŭdonomo kiu kaŝas — laŭ *Esperanto* — la plej malnovan kaj de la tuta Esperantistaro la plej respektatan Esperantiston

Kiam vi aŭdos « Oni diras, ke aperis nova lingvo, ke

tia aŭ alia lingvo, ke tia aŭ alia instruita societo aŭ kongreso deziras elekti tian aŭ alian lingvon aŭ krei novan lingvon », respondu kuraĝe « Ĉiuj tiuj ĉi famoj aŭ entreprenoj estas fonditaj sur la plej absoluta nekomprenado de la esenco kaj historio de la ideo de lingvo internacia ; tiaj provoj de la flanko ne sole de privataj personoj, sed ankaŭ de tutaj societoj ripetiĝis jam multajn fojojn kaj ĉiufoje finiĝadis kaj devis finiĝadi per la plej plena fiasko ; lingvo internacia povas esti nur Esperanto, ĉar laŭ la leĝoj de la logiko kaj laŭ la esenco de la afero alie esti *neniel povas*. » — Unuel.

Tion ni ankaŭ opiniis, kaj nun ankoraŭ, post *Ido, Antido* kc., pli firme ol iam.

Pro tio per entuziasmaj aplaŭdoj ni salutis, en solena momento, kaj akceptis la Deklaracion de D-o Zamenhof, en Boulogne-sur-Mer.

Pro tio ni sincere subskribis — kun multaj kolegoj — la promeson de la Esperantistaj gazetoj : Resti absolute fidelaj al la lingvo de l'*Fundamento*. (Vidu L. I., jun. 1907.)

Araba proverbo diras : « Se iu konsilas al ci, pro io ajn, forgesi cian promeson, ne haltu, sed iru rekte cian vojon ! »

..,Jes, ni iros ĝoje kaj rekte nian esperantan vojon !

*Lingvo Internacia*.

*Tke British Esperantist* (dec.). « La principoj de nia fideleco » : Unu el la plej allogantaj ecoj de Esperanto, kiun oni povas prezenti al la inteligenta demandanto, konsistas en la konstanteco de la lingvo, dank' al la cirkonstanco, ke la Esperantismo konsentas trakti Esperanton kiel *vivantan lingvon*, ne kiel *nuran projekton*. Estas kredeble, ke la plimulto de la nunaj pripensemaj Esperantistoj komencis sian Esperantistan karieron, ne ankoraŭ aprobante plene almenaŭ kelkajn punktojn en la lingvo, kaj tiu neplena aprobo esprimis sin en kelkaj okazoj per deziregо enkonduki ian reformon. Se ĉiuj tiaj personoj estus metintaj en skribon siajn ideojn pri reformo, se oni povus kolekti tiujn skribaĵojn kaj kom-

pari ilin — oni trovus, ke plej ofte ili estas tute malsamaj.

— La vero devigas nin diri, ke la reformoj petitaj estas, kontraŭe, ĉiam la samaj: forigo de supersignitaj literoj, de l' akuzativo, de formoj *apriori'aj*; korektado de l' vortaro por igi ĝin *vere* internacia, kc. — Prof. E. L.

Kiu pri la lingvo havas reformon por proponi, tiu ja rajtas ĝin proponi kaj provigi laŭ la leĝoj komunaj al ĉiu lingva evolucio; sed altrudi reformon al tuta popolo *neniu* havas rajton. La komuna kutimo estas kvazaŭ nia supera kortumo, antaŭ kiu ĉiu devas mem pledi sian aferon, kaj kontraŭ kies decido estas nenia apelacio.

La komuna kutimo decidas ankaŭ pri tio, kio konvene aperos en la lernolibroj, kaj la lernolibroj neniel rajtas mem altrudi al la Esperantistoj leĝojn aŭ regulojn personajn. La funkcio de la lernolibroj estas konstati kaj klarigi la komunan uzadon, kaj nenio pli.

— Se la kutimo fariĝus la leĝo evolucia de Esperanto, tio estus la certa ruiniĝo de ĝi. Konsideru la rezultaton de « kutimo », en la vivaj lingvoj! — Prof. E. L.

Kio do estas la « reformo », kiun ni tiel decide kontraŭstaras? La reformo, kiun ni absolute rifuzas, estas ĉiu speco de *arbitre altrudata projekta reformo*. Lingvo vivanta kiel Esperanto vivas, ne estas iu persona afero ŝanĝebla kaj forigebla laŭ privata kaprico; ĝi estas afero publika, kiu apartenas al la multiĝantaj homoj, kiuj sencese ĝin uzas por ĉiaj celoj. Ĝi fariĝis jam kvazaŭ necesa organo de la vivo internacia. Ciu arbitra provo kontraŭ ĝian strukturon (1) estus tiel same mortiga, kiel provo aliformigi la strukturon de korpo vivanta. Ciun provon altrudi strukturan reformon ni do prave rigardas kiel atencon kontraŭ tiun internacian vivon (1), kiu tiel bele kaj fortike kreskadis dum la lastaj jaroj. Kaj tiu iuternacia vivo, laŭ la vortoj de la Majstro kaj sentoj de la majstranoj, estas ja la esenco mem, la eterna, interna ideo de la Esperantismo!

---

1. Ankoraŭ nova uzo de akuzativo, post *kontraŭ!*

— Tio, kion ni scias pri la laboro de la Delegacio. klare montras, ke ĝi ne volas *arbitre altrudi projektan reformon* aŭ *projekton reforman*. La Delegacio *proponas*, ne *altrudas*; ĝi proponas *ne arbitre*, sed post longa *studado* de l' demando per lingvistoj. — E. L.

*Esperanto-Ĵurnalo.* — « La nuna necesaĵo » En lasta artikolo ni aludis pri la situacio, kiun kreis la decido de la Delegitaro, kaj, ektuŝinte la demand jn starigitajn de tiu decido, ni konkludis per tio, ke laŭ nia persona opinio la momento ŝajnas al ni oportuna por provi inter la proponitaj sistemoj tiujn. kiuj estus enkondukeblaj sen rompo en nia kara lingvo. kaj konkliĉe ke la Esperantistaro mem estu demandata pri tio. Ni poste aldonis « ...Fine, ni diras ke pri ĉia aldono en la lingvo devas juĝi la Esperantistaro mem ; neniu homo kaj neniu komitato havas la rajton trudi al ĝi perforte sian personan bonplaĉon ». Tiun ĉi lastan frazon kelkaj personoj ne ĝuste komprenis kaj demandis al si kion ni celas per tiuj vortoj. La momento nun estas tro grava por ke ni ne speciale insistu pri esenca punkto, kiu ĝis nun estis tro ofte forgesita kaj, tion farante, ni esprimas ne nur nian propran opinion, sed la konvinkon de multaj Esperantistoj.

— Poste, S-o Hodler memorigas, ke D-o Zamenhof fordonis *ĉian rajton* de aŭtoreco pri Esperanto ; ke la nuna aŭtoritateco de D-o Zamenhof estas *pure-morala* ; ke la Lingva Komitato povas « nur doni konsilojn en limigitaj okazoj, sed tute ne povas decidi mem pri gravaj demandoj, en kiuj estas egale interesataj ĉiuj Esperantistoj » ; ke la Centra Oficejo estas aliparte « pure administracia organizaĵo » ; fine, ke « la kongresoj reprezentas ne la Esperantistaron, sed simple tiujn personojn, kiuj povas veturi al la kongres-urbo ». S-o Hodler konkludas, ke la Esperantista popolo ne havas oficialajn reprezentantojn, ian organizadon. Li deziras organizadon, kaj ni plene konsentas kun li, kiam li diras :

« ...Pri la formo de tiu centra organizaĵo povos decidi

nur la Esperantistaro mem, sed ni opinias, ke por la nuna momento, oni povas starigi Esperantistan Delegitaron, kiu konsistus el la reprezentantoj de la diversaj — propagandaj kaj fakaj — organizaĵoj Esperantistaj, elektitaj de la Esperantistaro mem, laŭ difinita proporcio; tiu Delegitaro kunvenus antaŭ aŭ dum la kongreso; ĉiu delegito rajtus letere voĉdoni, se li mem ne povas ĉeesti; por tio, estas kompreneble necese, ke kelkajn semajnojn antaŭ difinita tagordo de la traktotaj demandoj estu publike komunikata al la Esperantistaro, kiu povos ilin mature prijuĝi. La kunvenoj de tiu Delegitaro anstataŭus kun granda profito la « pseŭdo-agadajn » kunvenojn de niaj kongresoj, kie, la pasinto tion pruvis, oni povas fari nenian utilan kaj praktikan laboron. Tiu Delegitaro mem faros sian regularon kaj starigos sian labormetodon. Ni tie ĉi liveras nur ĝeneralan planon, sed ni estas pretaj ĝin pli detale klarigi laŭ okazo. »

— Oni devas tamen bone atenti, ke tia organizaĵo, bonega en si mem, havus nenian aŭtoritaton por pritrakti la reforman demandon *laŭ la lingva punkto*. Lingvista komisio, aŭ reorganizata Lingva Komitato povus sola liveri valoran avizon. — E. L.

*Belga Sonorilo* (dec. 1). — « Decidoj de la Delegacia Komitato, eltiritaj el la oficialaj protokoloj »

16-a de oktobro. La Komitato decidas la kuniĝon de S-o profesoro Peano, el Turino; sekve ĝi elektis kiel honoran prezidanton S-on profesoron Forster, el Berlin: prezidanton, S-on Ostwald, el Leipzig; kaj vicprezidantojn S-ojn profesorojn Beaudoin de Courtenay, el S. Peterburgo kaj Jespersen, el Kopenhago.

22-a de oktobro. La Komitato akceptas en la internacia lingvo la du literajn kombinojn « ch » kaj « sh » kun la sono, kiun ili havas en angla lingvo (akceptita de 4 voĉoj kontraŭ 2).

La Komitato decidis la kuniĝon de siaj sekretarioj, S-oj Leau kaj Couturat.

24-a de oktobro. La Komitato deklaracias ke la teoriaj

diskutoj estas finitaj, kaj elektas la Konstantan Komision, kiu esploros kaj difinos la detalojn de la lingvo. kiu estos akceptita. Tiu Komisio konsistas el S-oj Ostwald, Baudoin de Courtenay, Couturat kaj Leau.

La Komitato decidis, ke neniu el la lingvoj submetitaj al ĝia ekzameno povas esti alprenota en sia tuteco kaj sen ŝanĝoj. Gi decidis alpreni principe Esperanton pro ĝia rilateca perfekteco kaj pro la multaj kaj diversaj aplikadoj, kiujn ĝi jam okazigis, sub la rezerva kondiĉo de kelkaj ŝanĝoj efektivigotaj de la Konstanta Komisio, laŭ la senco difinita en la konkludoj de la Raporto de la sekretarioj kaj de la projekto « Ido » provante konsenti kun la Esperantista Lingva Komitato. Fine ĝi decidis la kuniĝon de S-o de Beaufront al la Konstanta Komitato, pro lia speciala kompetenteco.

Tiuj decidoj, krom unu (pri la digramoj *ch*, *sh*), estis akceptitaj unuvoĉe.

El artikolo : « Pri la nuna stato de la demando pri helpanta lingvo internacia » :

Komprenebie, se seriozaj konkurantoj sin prezentis en la areno, kie ni, Esperantistoj, tiel brave bataladis, ni ne povis imiti, kontraŭ ili, la sintenadon de la struto kiu, *oni diras*, opinias ke, kaŝante sian kapon en sablo, oni tuj ne plu vidas ĝin.

La kvalito de l' Esperantistujo devas esti ke ĝi montras al ni kampon de libereco kaj de justeco.

Se inter la riproĉoj, kiujn ĝiaj konkurantoj faris al Esperanto, iaj estas pravigitaj, la *devo*, la devo tiel simpla kiel absoluta de la samideanoj de la « Sankta Ideo » kuŝis en esploro de ili.

Ĉu pri « Sankta Ideo » oni komprenas la lingvan organismon mem? aŭ la eblan internacian interkonsenton starigeblan dank' al tiu lingvilo, kia ajn ĝi estus.

Por neniu, la respondo estas duba.

Pro tio, la devo « internacie socia » de ĉiu kuŝis en esploro de rimedo por enigi en Esperanto la pliboniĝojn kiujn oni povis eltiri de la ekzameno de ĝiaj konkurantoj.

Zamenhof mem antaŭvidis, ke plibonigoj, eĉ reformoj povus esti enkondukotaj en Esperanto.

Sed por eviti, ke tiuj reformoj ne estus enkondukataj nemezure, hazarde laŭ personaj ideoj aŭ gustoj, la Majstro petis, ke oni havu paciencon kaj ke oni prokrastu la plibonigon de Esperanto ĝis la momento, kiam sufiĉa aŭtoritato prezentus al la Esperantista mondo la sufiĉan kaj necesan apogon por ke la plibonigoj povu esti enkondukotaj en la lingvo sen rompi la unuecon, kiu ĝis nun karakterizis la Esperantistaron.

Zamenhof ne fikse difinis tion, kion li opiniis pri tiu sufiĉa aŭtoritato.

Nur okazis, dum la lasta kunveno de la Kongreso de Boulogne, ke oni legis ŝanĝitan tekston, per kiu oni anoncis ke Esperanton oni konservos netuŝeblan, neŝanĝeblan, ĝis la tago kiam ĝi estus oficiale akceptota de la registaroj de la ĉefaj landoj kaj kiam tiuj registaroj, per speciala leĝo, garantius al Esperanto la ekziston, la uzadon kaj ĉiujn defendojn kontraŭ la disputoj aŭ la personaj kapricoj...

...Eĉ Zamenhof estis dirinta « Sed se kontraŭ ĉiu atendo iam montriĝus, ke per ia alia vojo la ideo de lingvo internacia povas esti realigata pli bone, pli certe kaj pli rapide ol per Esperanto, tiam la aŭtoro de Esperanto aliĝus al tiu nova vojo kaj kun li espereble ankaŭ ĉiuj Esperantistoj. »

Tio estis samtempe saĝa kaj logika.

Tiel ankaŭ estis saĝa kaj logika atendi, por plibonigi Esperanton, ke oni povu trovi sufiĉan aŭtoritaton.

Sed oni aliformigis la vortojn « sufiĉa aŭtoritatato » en « apogo de la ĉefaj registaroj kaj speciala leĝo pri protekto de Esperanto ».

Per tia postulo, laŭ mia sento, oni igas tute neeblan la plej negravan ŝanĝon kaj oni konklude pretendis, ke Esopranto ne estas artefarita lingvo, sed fariĝis natura lingvo, kiun oni devas lasi evolucii nature kaj oni ekvokis helpon de « regulo pro uzo », estas

diri de la leĝarigo de la fantazio kaj de la nelogiko.

Se Esperanto ne restas precize artefarita, pri la rezultato ni ne dubas, ĝi rekte iras al sia pereo.

Pri helpo de la registaroj por la plibonigo de ĝi, komprenebl̓e oni povos akcepti tiun proponon nur kun fantázio.

— La artikolon « Riproĉoj pri Esperanto » (B. S. dec. 17), ni analizos en nia proksima N-o, pro ĝia graveco. Ni ne havas hodiaŭ sufiĉe da loko.

*Germana Esperantisto* (dec.). — Pri la decido de la Delegacia Komitato

« Oni konvinkiĝis, ke la principoj de la genia Zamenhoſa elpensaĵo plej proksimiĝas al la natura lingva disvolviĝo, kaj sekve Esperanto prezentas efektive la solvon de la grava problemo de internacia helpa lingvo. Oni interkonsentis pri tio, ke internacia lingvo devas havi la eblecon de daŭra progresado kaj disvolviĝo en la sama direkto, kiel la naturaj lingvoj, ke la principoj de Esperanto garantias tiun eblecon.

La Delegacia Komitato do alprenis, la 29-an de oktobro, Esperanton kun rezervo de kelkaj flankaj ŝanĝoj farotaj kun la intenco, ne nur ne detrui la genian principon de Zamenhof, sed ankoraŭ pli konsekvence efektivigi ĝin. Por tiuj ŝanĝoj oni donis nur certan direkton, kaj oni esprimis la deziron, ke fariĝu interkonsento kun la Lingva Komitato Esperantista.

...Certe ni devas esti tre ĝojaj pri tio, ke la longdaŭraj sciencaj diskutadoj de la Delegacia Komitato pruvis denove tion, pri kio ni per praktika sperto jam de longe estas konvinkitaj, nome ke ni, Esperantistoj, vere posedas la solvon de la problemo. Ni esperu, ke la Delegacia Komitato kaj la Esperantista Lingva Komitato konduku al sukcesa fino la malmultajn demandojn ankoraŭ solvotajn, ke nun, post kiam la konkurenca demando inter diversaj projektoj estas neniigita, Esperanto baldaŭ finu sian venkon en la civilizita mondo ! — O. L.

*Helpa Lingvo* (Esperanto Bladet), dec., nur citas la

supran tekston de *Germana Esperantisto*, kaj plidiras : « Ni tute konsentas kun *Germana Esperantisto*. »

*Finna Esperantisto* (dec.), citas la paroladon de D-o Zamenhof en la Londona urbdomo « Guidhall », la 21-an de aŭg. lasta, en kiu oni legas : « Multajn fojojn mi ripetis, kaj en Bulonjo mi tion ei proklamis per oficiala deklaracio, ke la esperantismo celas nur al tio, ke ia taŭga kaj vivopova komprenilo inter la popoloj *ekzistu*, sed ke la *formo* de tiu komprenilo estas por ni — aŭ almenaŭ por mi persone — tute indiferenta ke se, anstataŭ fari konstantajn kaj senfinajn eksperimentojn kaj teorian rezonadon, ni decidis elekti la pretan kaj elprovitan lingvon Esperanto kaj labori speciale kaj ekskluzive por ĝi kaj fiksi por ĝi netuŝeblan fundamenton — ni faris tion ĉi ne ĉar al ni plaĉas speciale Zamenhof kaj lia verko kaj ne tial, ke li volas esti ia papo, kiel mensoge kredigas diversaj niaj kontraŭuloj — sed nur tial, ke la esploro kaj sperto montris al ni, ke tia maniero de agado estas la sola, kiu plej certe alkondukos nin al nia celo. »

*L'Etoile Esperantiste* (Stelo Esperantista), nova gazeto fondita de S-oj Aliamet, Carlos, Frechas, Fruictier, sub titolo *Simpla Admono*, diras :

« Sed la celo de nia artikolo ne estas nur gratulado al la Delegitaro. La gazetoj ja sciigas ankaŭ, ke la Delegitoj akceptas Esperanton kiel internacian lingvon, sed ke ili volas en ĝi fari ŝanĝojn, forĵetojn kaj aldonojn ; alivorte, ili volas krei novan Esperanton, IDON de la malnova, kaj kun kiu ili ligus sian nomon.

Tiel ekzistus Esperanto Zamenhofa kaj Esperanto Delegacia !

Sinjoroj Delegitoj devis ekzameni 64 lingvajn projektojn ; nun ili volas krei 65-an. Tiamaniere ke, se iam niaj registaroj ekdeziras kunvoki delegacion (sed oficialan), tiu nova esplorantaro devos studi 65 projektojn, t. e. unu plie ol la nuna Delegacio !

Tio ĉi jam ne estas serioza.

En tio, Sinjoroj, ni ne plu interkonsentas. Vi okupas

vin per aferoj, kiuj sidas ekster via kampo kaj eĉ via kompetenteco.

...Nun, aliparte, ni petas la Lingvan Komitaton, ke ĝi senprokraste faru ĉion fareblan kaj farindan la interkonsento inter ĉiuj Esperantistoj estos la sekvo kaj rezultato. » — A. Frechas.

*Paris-Esperanto* (dec.), monata bulteno de l' grupo Esp. Pariza. — Pri « La Id-morto »

« ... Malfeliĉa Ido, ĉiuj vin forlasas! ĉiujn eĥojn oni demandas : « kiu estas Ido ? », kaj neniu respondas.

Kontraŭe, de ĉiuj flankoj, kelkaj sinjoroj, timante ian suspekton (kaj ankaŭ *ridindecon*), rapidas por sciigi per cirkuleroj, ke ili ne estas Ido.

Neniu plu volas « esti Ido ».

Bone! neniu ĝi estu, kaj Ido-fantomo reiru al la subtera mondo de l' inferoj! Ni promesas, ke ni katenos nian scivolecon kaj ignoros la erarintan samideanon. Li pentu kaj revenu batali en niaj vicoj. Ni volonte forgesos lian forkuron. »

Ceteraj revuoj, kiujn ni ricevis, tute silentas pri la reformoj, nome : *Tra la Mondo*, *La Revuo*, *Juna Esperantisto*, *Saksa Esperantisto*, *Eĥo Esperantista*, *Antaŭen Esperantistoj* (okt.), *Suno Hispana*, *Filipina Esp.* (nov.), *Esp.-Jurnalo*, *Svisa Espero*, *La Verda Standardo* (nov.), *Stelo* (nov. k. dec.), *Stelo Kataluna* (jan.; nova gaz.), *Amsterdama Pioniro* (nova gazeto), *Amerika Esperantisto*, *Japana Esperantisto* (nov.), *Lorena Esper. Jurnalo* (el Nancy).

Ni ne volas influi sur la juĝo de niaj legantoj. Ni nur rimarkigos, post nia *Promenado*, ke la kontraŭreformaj gazetoj liveras argumentojn *ne-lingvajn* (fideleco, Fundamento, maloportuneco, kontesto pri l' aŭtoritato de la Delegacio, ktp.); la gazetoj, kiuj almenaŭ ŝajnas favoraj al la reformoj, diskutas la demandon per *lingvaj* argumentoj (ekz. *Belga Sonorilo*). — En tia demando oni povas vere diri, ke ne la *nombro*, sed la *kompetenteco* de l' opiniantoj havas ian signifon.

Prof. E. Lime.

**Progres**, *reviu internasional pro omni interesi de* IDIOM NEUTRAL. — La N-o de sept.-nov. detale raportas pri la kunveno de la Delegacia Komitato. Kredeble la plimulto de niaj legantoj neniam legis alian internacian lingvon ol Esperanto. Kiel kuriozaĵon ni citas la tekston mem de *Progres*. Ni pensas, ke ĉiuj Esperantistoj povos facile kompreni ĝin :

«...Komitet no adoptav Esperanto, kekos universallinguisti leplu mult ekspektav, ma il *adóptav* projekt de *Esperanto reformed* per kelkhom sub pseudonym « Ido », kel es *kompromis intr gramatik de Esperanto e de I. N.* (Idiom Neutral). It hav ni literi aksentued, ni akord de adjektiv ko substantiv, ni partikuli « a priori »; akuzativ es fakultativ, plural *-i*, infinitiv *-ar*. Ma substantivi in *-o*, adyektivi in *-a*, konyugasion mediu *-as*, *is, os*, *abas*, *abis*, *abos* e s. *Vokabular* es plu « a posteriori » e plu internasional ka tel de Esperanto e *multe proksim de tel de I. N. : abandonar*, *separar*. »

En la januara numero oni legas, sub titolo *Ido e Antido*

Mi ne parlero di *Ido*, kause ist broshur imprimed es konsidered kuale konfidensial. Mi hav audied di aferi personal konfidensial, di aferi komersial konfidensial, ma di formi gramatykal konfidensial mi audi primfoa. — Formi prinsipal de *Ido* esav doned ya in numr ultim.

*Lingwo Internaciona* de *Antido* av kualiteti karakterik sekuant :

c — *ts*, j — *j F*, j — *dj*, k (Ido admit *qu*!), s — *s* dur, x, z — z F ; *ch, sh* ; *w* e *y* — *u* e *i* konsonantik.

Aksent su silab ante-ultim. Artikl sempre *la*. Subst. *-o*, fem. *-ino* ; adjektivi *-a* ; plur. *-i*, p. e. *bonai patroi*. Komp. *plu* . . .*ol*. Superl. *la plei* (malplei). . . *el*. Pronomi : *mi*, *dzi*, *vi li*, *shi*, *ji*, *ni*, *vi*, *ili*, *ishi*. Tabel korelativ kuale in Esperanto. Konyugasion kuale in Esperanto. Adverbi *-e*. Numr.: un, du, tri, kwar, kwin, ses, sep, ok, nau, dek, sent. Afiksi Esperantik e kelk novi, p. e. adyekt : *-ala*, *universala*, *racionala* (ma internaciona !), *-oza*, *kurajoza*; *-iva*, *instruyva*, *-atra*, *verdatra*, e s.

Kelk progres, ma no sufisik ! On deb esar kontent, ke spiri progresist komens veniar in mund Esperantoik, if et lente.

Oni vidas, ke *Idiom Neutral* estas serioza konkuranto de Esperanto, kaj ke la aliĝo de Neutralistoj al la Delegacia decido ŝajnas tre facila kaj tre « probabla ».

Prof. E. Lime.

## ŜAKOJ

(Sub la redakcio de S-ro Al. Wagner, Stanislau, 2. Aŭstrujo.)

La manuskripto de nia kunlaboranto ne alvenis ĝustatempe por la presado. Jen ludo de Morphy, ludita en New-York, en kiu oni admiros la lertecon de l' fama majstro.

(Forprenu de la tabulo la Ĉevalon Daman de Blanko, kiun Morphy donacas al sia kontraŭ-ludanto.)

| Blanko : | Nigro : | | |
|---|---|---|---|
| 1. S — 4R | S — 4R | 9. Reĝsaltas*. | Ĉ — 4D |
| 2. C — 3KR | C — 3KD | 10. D — 4Ĉ (ŝ) | R × S (3) |
| 3. S — 4D | C × S | 11. K — 5ĈR | D — 1KR |
| 4. Ĉ × S | C — 3R | 12. TD — 1D | R — 3D |
| 5. K — 4KD | Ĉ — 3KR (1) | 13. D — 4R | D — 2K |
| 6. C × SK | R × C | 14. S — 4KD | R — 3KD |
| 7. K × C (ŝ) | R × K (2) | 15. T × Ĉ | R — 3Ĉ |
| 8. S — 5R | K — 4KD | 16. T × K | S — 3KD (4) |
| | | 17. D — 5R | T — 1R |

1. S — 3D ŝajnas pli forta.
2. Se « S × K », Bl. kaptas D.

* Morphy, kiel kutime, malŝatas gajnon de peco por konservi superecon de pozicio.

3. Nigro devis ludi R — 2K.
4. Estas evidenta, ke R × T povus nur plirapidigi la finan katastrofon.

*Apuda figuraĵo prezentas la pozicion de la pecaro post la 17-a iro. Nun Blanko ludas kaj devas mortigi per la 4-a iro.*

Nigro



Blanko

*Le Directeur-Gérant*, Em. PELTIER.

Presejo de *Espero Katolika*, Sainte-Radegonde (I.-et-L.), France

# ANONCETOJ

*5 linioj senpage por abonantoj dum tuta jaro de l' abono. — Oni devos pagi 10 centimojn por ĉiu vorto post 5 linioj, aŭ mallongigi l' anonceton.*



# KATOLIKA PREGARO

EN KIU TROVIĜAS 'CIUJ DIMANĈAJ DISERVOJ

KAJ

LA PLIMULTO DE LA FESTOJ DE L' JARO

*Latine kaj Esperante*

APROBITA DE LIA ALTA MOŜTO M-O RENOU

*'Cefepiskopo de Tours (France)*

1-a volumo.— Prezo : 2 fr.50 (1 Sm.).; bindita : 3 fr.10 (1 Sm.20)

Presita per literoj signitaj el la firmo ALLAINGUILLAUME & C^ie, fandistoj
21, rue Montparnasse, Paris